I jaro Sofia — Bulgario aŭg.-sept. 1958, № 10—11

# INTERNACIA ĴURNALISTO

ORGANO DE LA TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)

## *SOLENA DEMONSTRACIO DE INTERPOPOLA AMIKECO, UNUECO KAJ PACO*

*En la antikva, dumiljara „Ora Majenco" (Mainz) — Okcidenta Germanio, okazis en aŭgusto j. k. la 43-a Universala Kongreso de Esperanto. La internacia renkontiĝo estis eĉ simbola. En tiu famekonata urbo pro sia plej granda filo Johannes Gütemberg-la inventinto de la presarto, kie ankoraŭ elstaras multaj ruinaĵoj de la furioza ventego de la lasta mondmilito, dank'al la sinofera agado de la prezidanto de la Loka Kongresa Komitato kaj fervora esperantistola ĉefurbestro s-ro Franz Stein, en la multnombraj salonoj de la mezepoka Palaco de la iamaj Princoj-Elektantoj, proksimume 2,150 kongresanoj membroj kaj amikoj de la Universala Esperanto-Asocio el 40 landoj havis la okazon demonstracii en plena interkonsento kaj interkompreno sian profundan senton de interpopola amikeco, unueco kaj paco. Tion oni konstatis tiel en la ĝeneralaj kunvenoj, en la laborkunsidoj, kiel en la fakkunvenoj, en la amuzaĵoj kaj akceptoj, kaj ankaŭ dum la gajaj ekskursoj.*

*Pro manko de loko en nia „Internacia Ĵurnalisto" ni ne priskribos detale la diversspecajn laborojn de la 43-a Universala Esperanto-Kongreso, ĉar niaj TEĴA-anoj legos detalajn informojn pri la Kongreso en „Esperanto" de UEA kaj en aliaj esperantaj gazetoj. Sed tie ĉi ni devas emfazi, ke ankaŭ la multnombraj ĵurnalistoj esperantistoj, partoprenintaj la Kongreson, ĝuis la senton de tiu internacia amikeco kaj solidareco.*

*La 43-a jam forpasis en la historion. Sed tiu interpopola esperantista renkontiĝo restos por ĉiam neforgesebla por tiuj esperantistoj, kiuj havis la feliĉon partopreni ĝin.*

*Iv. Esp.*

---

## „STAMPA INTERNAZIONALE" SALUTIS LA FAKKUNVENON DE TEĴA

La direktoro de „Stampa Internazionale" — Agenzia Giornalistica d'Informazione en Torino, Italio, sendis al la fakkunveno de TEĴA en Mainz la jenan afablan salutleteron per s-ino M. Vogel:

„Bonvolu saluti en la nomo de la unua GAZETAR—INFORMA AGENTEJO, kiu uzas oficiale la Esperantan lingvon, la ĵurnalistan kunvenon, kiu okazos dum la Kongreso en Mainz.

Kun altestima saluto

LA DIREKTORO
(d-ro Prof. A. V. Rossi)"

## ĜENERALA FAKKUNVENO DE TEĴA EN MAINZ

La 43-an Universalan Esperanto-kongreson vizitis ankaŭ pli ol 50 ĵurnalistoj, redaktoroj, korespondantoj de gazetoj k. a. La entuziasmoplenaj TEĴA-anoj partoprenis ankaŭ la aliajn laborojn de la kongreso.

La preparoj por la fakkunveno de TEĴA komenciĝis ek de la unua tago de la kongreso. Niaj TEĴA-anoj kun ĝojo renkontiĝis, interkonatiĝis kaj amikiĝis. Kelkfoje oni povis vidi la gajan prezidanton de nia Asocio s-anon Thormodsen, la viglan vicprezidanton s-inon Vogel, la redaktoron de nia organo s-anon Keremidĉiev, la komitatanojn Dobĉnik (Jugoslavio), kaj Mayer (Pollando) kaj aliajn aktivulojn, kunsidantaj kaj pridiskutantaj la raportojn kaj la tagordon de nia fakkunveno.

La fakkunveno de la Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio okazis la 5-an de aŭgusto je la 17-a horo en la salono „Kabe" de la kongresejo. Ĝin partoprenis 31 ĵurnalistoj el 10 landoj-Germanio, Francio, Norvegio, Bulgario, Jugoslavio, Pollando, Italio, Svedio, Brazilo, Nederlando. Tiom multaj partoprenantoj el tiom da landoj estis ĝoja fakto kaj entuziasmiga premiso por fruktodona laboro. Kaj tiel okazis: en la laboro de la kunveno kaj dum la diskutoj aktive patoprenis multaj gekolegoj el multaj landoj. Konsiderante la gravecon de nia TEĴA ili serioze pridiskutis la faritajn raportojn kaj donis valorajn rekomendojn, sugestojn kaj ideojn por la plibonigo de nia afero.

La kunvenon malfermis per konvenaj salutvortoj la prezidanto Thormodsen, kiu deklaris la jenan tagordon: 1) Raportoj de la Estraro pri la ĝisnuna agado de TEĴA kaj pri la redaktado de „Internacia Ĵurnalisto", 2) Projekto-plano kaj taskoj por estonta laboro, 3) Diskutado kaj 4) Kompletigo de la Estraro.

Post la aprobo de la tagordo fare de la ĉeestantoj la prezidanto raportis pri la ĝisnuna laboro de la Estraro kaj la agado de TEĴA. Li montris la gravajn sukcesojn de la Asocio dum la periodo post la Marsejla fakkunveno pasintjare. En TEĴA jam membras pli ol 170 ĵurnalistoj el ĉirkaŭ 25 landoj. Grava evento por nia Asocio estas, ke post la pritraktado kaj interkonsento inter la Estraroj de UEA kaj TEĴA, nia Asocio jam fariĝis kunlaboranta organizaĵo de la Universala Esperanto-Asocio. Tuŝante la demandon pri la nombro de nia membraro, la prezidanto emfazis, ke kvankam jam plialtiĝinta, ĝi estas tamen nesufiĉa. En la mondo estas ankoraŭ multaj ĵurnalistoj, kiujn ni devas altiri al nia TEĴA. En la mondo aperas cento da esperanto-gazetoj kaj ĵurnaloj. Ĉu iliaj redaktoroj ne okupiĝas pri ĵurnalista laboro? Unuavice ilin ni devas membrigi. La grundo por nia TEĴA-afero estas fruktodona. Ni povas kaj devas plilarĝigi la reton de niaj membroj kaj grupoj en ĉiuj landoj.

La Estraro de TEĴA laboris konscie laŭ siaj eblecoj. La estraranoj Thormodsen, Kavenius, Vogel, Ribot kaj Keremidĉiev interkontaktis regule konsiliĝinte pri diversaj organizaj kaj aliaj problemoj. Bedaŭrinde nia sindona sekretario André Ribot pro granda okupateco en la Franca Esperanto-Federacio antaŭ du monatoj trasdonis siajn funkciojn al s-anoj Vogel kaj Keremidĉiev, restante nur estrarano de TEĴA. Ni tamen devas danki al li pro lia ĝisnuna agado.

— Ĝis nun-diris s-ano Thormodsen-TEĴA estis en periodo de restariĝo kaj renoviĝo, de organiza plifortiĝo. Ek de nun ni povas kaj devas direkti niajn tutajn fortojn al pli vasta propagando, al organizado de vigla kultura kaj profesia kunlaborado inter la membroj de nia Asocio, al reciproka gastigado ktp. Por ke ni povu efektivigi la celojn kaj la taskojn de TEĴA, estas necesa tamen ne nur la sinoferema laboro fare de la Estraro, sed ankaŭ la apogo kaj la kunlaborado de ĉiuj niaj membroj.

Fine la prezidanto esprimis sinceran dankon al niaj komitatanoj kaj reprezen-

tantoj en Danlando, Sovet Unio, Rumanio, Pollando kaj Bulgario, kiuj konstante kunhelpis la Estraron en ĝia laboro.

Redaktoro Keremidĉiev tralegis partojn el la raporto de la fakkunsido de TEĴA dum la U. K. en Kopenhago por informi la ĉeestantojn pri la restarigo de TEĴA kaj el la raporto de la Marsejla fakkunveno de TEĴA 1957 j., poste la redaktoro de nia organo raportis pri la redaktado kaj la financa stato de „Internacia Ĵurnalisto". Post la U. K. en Marseille la presorgano komencis aperi presita en 4—6 paĝoj. Ĝi fariĝis bona organizilo kaj interligilo por niaj membroj. La organo aperas en 500 ekzempleroj kaj estas sendata al ĉiuj membroj kaj amikoj de TEĴA kaj interŝanĝe al la tuta esperantista gazetaro. La apero de „Internacia Ĵurnalisto" estis renkontita kun ĝojo de ĉiuj membroj de nia organizo. Multaj el ili perletere salutis la redakcion bondezirinte al ĝi fruktodonan laboron. La organo helpis al la prifortikiĝo de TEĴA. Tuŝante la demandon pri la ĝisnuna enhavo kaj redaktmaniero de „Int. Ĵ-sto", la redaktoro menciis, ke en tiu rilato la redakcio faris nur la unuajn paŝojn. La organo ĝis nun havis plejparte karakteron de organiza bulteno. Kaj tiel devis esti dum la unua, reorganiza periodo de TEĴA. Sed estonte tio ne kontentigos. „Internacia Ĵurnalisto" jam devas aperi pli varia, riĉenhava, pritraktanta gravajn organizajn, profesiajn, kulturajn k. a. problemojn. Eĉ ni devas publikigi ankaŭ diversspecajn literaturajn materialojn. Tiaj estas ankaŭ la sugestoj, ĉu personaj, ĉu perleteraj, de nia anaro. Sed tion la redakcio efektivigos nur per la konstanta kunlaborado de niaj membroj.

Pri la financa stato de nia organo. La redaktoro raportis, ke la membrokotizoj ankoraŭ ne estas sufiĉaj por eldonado de la organo, malgraŭ ke la plimulto de nia anaro pagis sian kotizon. Pro tio, por aperigi „Int. Ĵ-ston" la redakcio serĉas la financan apogon de apartaj bulgaraj kolegoj kaj grupoj per la anoncita fonduso, la senpagan laboron de presistoj, donace ricevitan paperon kaj materialan helpon de la Bulgara Esperanto-Asocio kaj de la Asocio de la bulgaraj ĵurnalistoj. La redakcio de „I. Ĵ." tamen atendas ankaŭ la financan apogon de ĉiuj niaj membroj. Oni devas subteni la organan fonduson volonte. Por akiri eldonrimedojn la redakcio anoncos vastan kolektadon de abonoj ankaŭ fare de la cetera esperantistaro tutmonda, ne membranta en TEĴA. La organon povas aboni ankaŭ ne ĵurnalistoj, interesataj pri nia afero.

En la diskutado de ambaŭ raportoj partoprenis vigle multaj ĉeestantoj: s-anoj Lucien Giloteau el Croiax (Francio), d-ro Dino Fabris el Cittadella (Padova, Italio), Börje Andersson el Skövde (Svedio), Kazimierz Malycha el Bydgoszez (Pollando), Jerzy Uspienski el Warszawa (Pollando), Sylla Chaves, brazilano, el Parizo (Francio), Olav Thormodsen (Norvegio), Maria Vogel (Germanio), Ivan Keremidĉiev-Esperov (Bulgario), Zlata Flego el Zagreb (Jugoslavio) k. a.

S-ano Giloteaux, tuŝante la demandon pri la membreco en TEĴA, rekomendis, ke la Estraro enketu pri la konsisto de la membraro kaj informiĝu pri la faka laboro de ĉiu membro aparte, pri ties ĵurnalista kunlabarado. Tiamaniere ni komprenos, kiuj estas profesiaj ĵurnalistoj-por „A" kategorio kaj kiuj ne estas profesiuloj, sed kunlaboras al la gazetaro por „B" kategorio. S-ano Chaves sciigis, ke en Brazilo 95% de la ĵurnalistoj havas alian oficon kaj nur krome ili kunlaboras kiel ĵurnalistoj en la gazetaro. Tial en TEĴA devas membri ankaŭ neprofesiuloj. Tian opinion esprimis ankaŭ s-noj Uspienski, Keremidĉiev k. a. S-ino Vogel akcentis, ke estas necesa faka pureco minimume inter la „A" membroj. Oni devas difini la kategoriojn. S-ano Malycha rekomendis, ke pri la interŝanĝa servo ĉe la Estraro okupiĝu rekte la estraranoj. S-ano Uspienski diris, ke la Estraro nepre trovu eblecon interŝanĝi la gazetmaterialojn inter la membroj kaj pruvu la utilecon de la interŝanĝa servo. La prezidanto Thormodsen klarigis, ke la interŝanĝa servo ne funkcias bone pro la

neebleco de iuj landoj pagi aŭ aĉeti respondkuponojn. Tiu servo estas tute nova kaj ĝis nun ne donis bonajn rezultatojn.

S-ino Andersson opiniis, ke estus pli bone ne sendi la presorganon al tiuj, kiuj ne pagas la kotizon. Tiamaniere ili interesiĝos pri la gazeto. Oni agu same ankaŭ al ne-membroj-varbotaj. S-ano Chaves rekomendis, ke TEĴA kontaktiĝu kun la pres-fako ĉe UNESKO, kio nepre donos efektivajn rezultatojn por nia afero. S-ano Keremidĉiev deklaris, ke la Estraro de TEĴA eltrovos la fakon de la membroj. Tiamaniere ni devas montri nian organon kaj la ekzistadon de TEĴA kiel neŭtrala tutmonda onganizaĵo ankaŭ al la neĵurnalista esperantista kaj neesperantista ĵurnalista publiko. Tiamaniere ni propagandos Esperanton, nian aferon kaj akiros novajn membrojn. La membreco en TEĴA estu ankaŭ estonte individua. En iuj landoj oni organizis ĵurnalistajn sekciojn laŭ la eblecoj-en Bulgario-ĉe la Bulgara Esperanto-Asocio, en Pollando-ĉe TEĴA, en Rumanio kaj Jugoslavio-memstarajn, en Sovet Unio oni intencas fondi sekcion ĉe la Unuiĝo de la sovetaj ĵurnalistoj. Pri tio ni ankoraŭ ne havas ĝustan opinion. Sed ĝis kiam ni preciziĝos tion, oni povas laŭ la enlandaj kondiĉoj, organizi ĵurnalistajn sekciojn kaj grupojn. En landoj, kie ekzistas sekcioj, grupoj, komitatanoj kaj reprezentantoj de TEĴA, ni pli facile povas kontroli la fakon de la membriĝontoj al TEĴA.

Post tio Keremidĉiev tralegis la projekto-planon-rezolucion por la estonta agado de TEĴA, en kiu interalie estas dirite:

TEĴA devas streĉi fortojn por eltrovi ĉiujn ŝ-anojn-ĵurnalistojn en la mondo: redaktorojn, publicistojn, foto kaj televidraportistojn k. a. kaj membrigi ilin al nia Asocio; TEĴA kontaktiĝu kun la ekzistantaj ambaŭ tutmondaj ĵurnalistaj organizaĵoj, kaj kun la naciaj ĵurnalistaj unuiĝoj kaj kunlaboru kun ili pri profesiaj demandoj. En iliaj organoj ni povas aperigi artikolojn, sciigojn k. a. pri TEĴA, per ilia helpo ni povas organizi esperantokursojn por ĵurnalistoj. En iuj landoj oni alpagas 7—10 % al la salajrataj profesiaj ĵurnalistoj, scipovantaj alian fremdan lingvon. Per la ĵurnalistaj profesiaj unuiĝoj ni devas akiri tian alpagon ankaŭ por la ĵurnalistoj, scipovantaj Esperanton. Ni devas stabiligi nian Interŝanĝservon, organizi la reciprokan ĵurnalistan kunlaboradon kaj gastigadon. Oni devas apogi la fonduson de „Internacia Ĵurnalisto", kunligi TEĴA-n kun UNESKO, organizi enketon pri la fako de niaj membroj, daŭrigi la aperadon de adreslistoj de novaj membroj en „I. Ĵ." plibonigi la presorganon, fari ĝin pli riĉenhava kaj varia, se eble ilustrita; ĉiu membro devas fariĝi fakdelegito de UEA kaj kunlabornato de ĝia informa servo.

Prezidanto Thormodsen rimarkigis, ke la Estraro havas antaŭvide en sia laboro ankaŭ la donitajn rekomendojn kaj sugestojn fare de la ĉeestantoj dum la nuna ĝenerala fakkunveno de TEĴA.

La lasta punkto de la tagordo estis: kompletigo de la Estraro. S-ano Matko Dobĉnik diris, ke pro granda okupateco li ne povas esti estrarano kaj starigis la kandidatecon de s-ano Takaĉ Željko el Zagreb (Jugoslavio).

La prezidanto menciis, ke la ĝisnuna Estraro estis 5-membra. Laŭ la statuto ĝi devas esti 7-membra. Do, oni devas elekti ankoraŭ du novajn estraranojn. Dum la venontjara fakkunveno oni elektos novan Estraron. Por novaj estraranoj estis proponitaj aliaj ĉeestantoj. R-ro Dino Fabris konsentis fariĝi estrarano.

La ĉeestantoj unuanime elektis kiel novajn membrojn de la Estraro s-nojn Dino Fabris el Italio kaj Takaĉ Željko el Jugoslavio,

Konklude, la prezidanto Thormodsen dankis al la ĉeestantoj pro ilia vigla diskutado kaj bona interkonsento bondezirinte sukcesplenan kunlaboradon kaj agadon de ĉiuj TEĴA-anoj dum la venonta jaro. Per tio li fermis la fakkunvenon.

## POSTFAKKUNVENA KUNSIDO DE LA ESTRARO DE TEĴA EN MAINZ

LA SEKVANTAN TAGON, POST LA FAKKUNVENO, LA ESTRARO DE TEĴA HAVIS KUNSIDON. ĜI KONSTITUIĜIS JENE: PREZIDANTO — OLAF THORMODSEN (NORVEGIO), VICPREZIDANTO-NIILO KAVENIUS (FINNLANDO), SEKRETARIO—KASISTO—D-RO DINO FABRIS (ITALIO), HELPSEKRETARIO — MARIA VOGEL (GERMANIO), REDAKTORO KAJ HELPKASISTO — IVAN KEREMIDĈIEV—ESPEROV (BULGARIO), MEMBROJ — ANDRÉ RIBOT (FRANCIO) KAJ TAKAĈ ŽELJKO (JUGOSLAVIO).

LA PROVIZORA SEKRETARIO, S-INO VOGEL TRANSDONIS LA MEMBROLISTON KAJ LA CETERAJN DOKUMENTOJN AL LA NOVELEKTITA SEKRETARIO- KASISTO S-ANO DINO FABRIS. ESTIS PRITRAKTITAJ ANKAŬ KELKAJ ANTAŬSTARANTAJ TASKOJ DE LA ESTRARO.

---

## TEĴA SALUTIS LA 43-an UNIVERSALAN KONGRESON DE ESPERANTO EN MAINZ . . .

En la ĉeesto de pli ol 2000 kongresanoj dum la ĝenerala kunveno en la nomo de la Estraro de la Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio salutis la Universalan Esperanto Kongreson en Mainz Ivan Keremidĉiev-Esperov, TEĴA-estrarano kaj redaktoro de „Internacia Ĵurnalisto“. Montrinte la lastjarajn sukcesojn de TEĴA kaj de ĝia presorgano, la salutinto esprimis la grandan kontenton kaj dankemon de ĉiuj TEĴA-membroj al la Estraro de la Universala Esperanto-Asocio pro la granda evento-la akcepto de TEĴA kiel kunlaboranta organizaĵo de UEA. Bondezirante sukcesan laboron al la Universala Kongreso, s-ano Esperov emfazis pri la grava rolo de TEĴA por la Esperanto-movado tutmonda kaj pri la neceso de pli proksima fruktodona kunlaborado inter ambaŭ internaciaj esperanto-organizaĵoj.

## . . KAJ LA 33-an BULGARAN ESPERANTO-KONGRESON

Dum julio j. k., en urbo Varna okazis la 33 a Esperanto-Kongreso de la bulgaraj esperantistoj. La kongreson partoprenis ĉirkaŭ 1500 bulgaraj esperantistoj kaj 75 fremdlandaj gastoj el 14 landoj. En la nomo de TEĴA salutis la kongreson la estrarano Matko Dobĉnik el Ljubljana, Jugoslavio. La salutinto notis la gravan rolon de TEĴA kaj ĝia signifo por la esperanto-movado kaj por la internacia socia vivo.

---

## ONI UTILIGAS INFORMOJN EL NIA ORGANO

Gazeto „**E s p e r a n t o e n S l o v a k i o**“ aperanta en Martin, Ĉeĥoslovakio, en n-ro 9, j. k., sub rubriko „Esperanto en USSR“ donas informon pri la plivigliĝo de la esperanto-movado en Sovet-Unio, ĉerpita el „Int. Ĵurnalisto“

EL LA HISTORIO DE TEJA

## LA TEMPO, KIAM ONI PREPARIS LA FONDON DE TEJA

Certe la legantoj de „Internacia Ĵurnalisto“ iufoje interesiĝas ekscii iom pri la preparoj por fondi nian Asocion. Ĝis nun, tamen, oni nenion vidis skribitan sur la paĝoj de iu gazeto. Eble multaj esperantistoj-ĵurnalistoj ankaŭ povus rakonti ion pri tiu ĉi afero, sed nun mi rakontos iom laŭ mia tiama korespondado.

Post la Dua Mondmilito, kiam mi rekomencis korespondadi kun mia iama konatulo, la redaktoro Einar Adamson el Göteborg, mi prezentis al li la demandon: kion li opinias pri kunagado inter la ĵurnalistoj-esperantistoj. En sia respondo de la 14-a de julio 1945 li skribis: „Eble ni povas fari ion por kolekti la ĵurnalistojn kaj ĉiuj kontaktos kun ni por formi sekcion.“ Post reciproka konsento ni komencis per korespondado pritrakti la demandon. Tuj poste, Adamson skribis pri la sama afero en iu Esperanto-gazeto, rakontante al mi jam je la 7-a de oktobro 1945:“ . . . multaj skribas kaj dankas pro la iniciato, kiun ni prenis sur nin ambaŭ. Mi faros duan liston, kiam mi havos jam 20 adresojn.“

La pritraktado daŭris, kaj la redaktoro Adamson intertempe korespondadis kun multaj ĵurnalistoj el diversaj landoj. En la sekvantaj leteroj, en la komenco de 1946, li skribis pri organizaj demandoj: kiel elekti estraron de la Asocio, kaj la 27-an de aprilo s. j. li sciigis min, ke li jam ricevis proponon-projekton de statuto.

En la aŭtuno de 1946 la afero estis jam evoluinta tiom, ke en septembro li sendis al mi proponon por alvoko fondi TEJA-n. La alvoko komenciĝis per la frazo: „Post la unua alvoko, en la Esperanto-gazetaron alvenis multaj proponoj — ke ni, en Skandinavio, elektu provizoran estraron antaŭ la kongresoj en Berno (UEA) kaj en Aarhus (SAT).“ Tiun ĉi alvokon subskribis la provizora estraro, kiu ĝis tiam estis kolektita per korespondado el inter la plej aktivaj ĵurnalistoj, kun kiuj oni havis kontakton. Tiun alvokon oni sendis al diversaj Esperanto-gazetoj kaj nur en kelkaj landoj — al enlandaj nacilingvaj gazetoj. La sveda „Arbeiterblad“, ekzemple, publikigis ĝin kiel novaĵon pri la fondo de Esperantista Ĵurnalista Asocio, la 29-an de novembro 1946.

En la arkivoj de TEĴA troviĝas protokolo, farita dum la kunveno en Berno, kie oni oficialigis la elektitan estraron kaj oni decidis pri aliaj gravaj problemoj de la Asocio.

Pri la organo de TEĴA mi skribis, la 2-an de februaro 1947, al la elektita sekretario de TEĴA, la redaktoro Adamson: „Ĉu vi opinias, ke ni povus aperigi malgrandan bultenon por la membraro?“ Poste Adamson realigis la ideon, eldoninte entute 21 numerojn de la TEĴA-bulteno. Tamen tio donis al li tre multan laboron. Pro tio mi skribis al li, la 20-an de novembro 1947: „Kiam nia organizo plifortiĝos, ni esperu, ke ni trovos kolegon, kiu povos aperigi presitan bultenon. Plej bone estus, se ni trovus presejon en lando, kies valuto estas malalta, kiel ekzemple en Finnlando, aŭ en Bulgario.

En junio 1953, la prezidanto de TEĴA, la ĉefredaktoro C. Hilmer Johanson el urbo Linkoping, Svedio, surprize skribis al mi: „Ĉu vi scias, ke nia sindonema kaj aktiva sekretario Einar Adamson mortis antaŭ du semajnoj? . . .“ Post tiu bedaŭrinda okazo, mi kiel vicsekretario, longe korespondadis kun la prezidanto Johanson por reorganizi la sekretariejon, sed ni ne sukcesis kaj pro tio la agado de la estraro iom post iom restis en stagno.

Nillo Kavenius,

TURKU, Finnlando,

LIBERA TRIBUNO

## PRI LA MEMBRECO DE TEJA

Responde al la artikoleto de s-ano Red. M. Niewiarowski, publikigita en la decembra numero de „Internacia Ĵurnalisto“, mi esprimas mian konsenton pri kelkaj vidpunktoj, sed pri la ceteraj mi ne povas samopinii.

Citante la frazon: „Ni devas serioze zorgi pri la profesia pureco de niaj vicoj, pri la alta nivelo de nia TEĴA-afero“, mi nur volas atentigi la legantaron pri la multaj amatoraj verkistoj kaj publicistoj neprofesiaj.

Se nur profesiaj ĵurnalistoj povus aniĝi, mi kuraĝas aserti, ke tiamaniere ni perdos diversajn talentulojn el la vicoj de la organizo, kiuj pro sia talento kapablas konkuri kun multaj laŭprofesiaj ĵurnalistoj.

Kiom da artikoloj kaj eĉ eseoj kaj poemoj aperas, verkitaj de amatoroj sur la verkista kampo? Bonvolu tralegi nur la internaciajn Esperanto-revuojn kaj ĵurnalojn. Multaj el la kontribuantoj estas neprofesiuloj, kiuj verkas por nacilingvaj ĵurnaloj. La apero de iliaj verkoj inter la artikoloj de profesiuloj sufiĉe klare pruvas la valoron de tiu laboro.

Teorie, ĉiu kunlaboranto povas aniĝi al TEĴA, sed, laŭ nia modesta opinio, nur la estraro de TEĴA rajtas prijuĝi akcepton aŭ ne-akcepton de nova ano. Ni jam sufiĉe konvinkiĝis pri la serioza rilato de la estraro al tiu demando kaj tial estonte ni povos esti sufiĉe trankvilaj koncerne tiun ĉi aferon.

Ni konsideru la konsekvencojn, se oni postulus nepran profesiecon de gazeta kontribuanto, kiu volus aniĝi al TEĴA. Multaj verkantoj en malgrandaj landoj ne povus fari tion, ĉar la cirkonstancoj ne permesas al ili, pro financaj kaŭzoj, fariĝi profesiuloj. Multaj nederlandaj verkistoj gajnas la ĉiutagan panon per neliteratura laboro, eĉ per aliaj metioj. Iliaj verkoj estas bone akceptataj de la publiko. Ni ne forgesu ankaŭ la neeblecon de ilia profesiuliĝo, pro la tro malalta nombro de la legantaro en malgrandaj landoj.

Tial, pripensinte tiun ĉi vidpunkton, S-ano Red. M. Niewiârowski konsentos pri la akcepto de neprofesiaj membroj inter la TEĴA-anoj. Tiamaniere li ja konvinkiĝos, ke la estraro de TEĴA rajtas kaj kapablas prijuĝi la intelektan nivelon kaj la mensajn ecojn de la kandidatoj.

Anton A. Leenhard,
Nederlando.

---

## PRI NIA ORGANO

Kelkajn vortojn mi volas skribi pri „Internacia Ĵurnalisto“ kaj ĝiaj perspektivoj.

Eble en nenia alia organizaĵo internacia la presorgano ludas tiom gravegan rolon, kiel en internacia organizaĵo de ĵurnalistoj. Ja la ĵurnalistoj faras la „veteron“, ili organizas la publikan opinion per siaj veraj aŭ falsaj opinioj. Kaj por nia movado „Internacia Ĵurnalisto“ estas aparte valora. Mi volas ilustri mian penson per jena ekzemplo. La talenta soveta poeto Gribaĉov, reveninta el Usono skribis artikolon en „Literatura gazeto“ kaj, menciante la diverslingvecon, inter alie skribis: „Esperanto bedaŭrinde ne kapablis plenumi la rolon de internacia lingvo.“

Mi sendis al li grandan leteron kaj demandis lin kian fundamenton li havas por fari tiajn decidajn asertojn: li mem nek scias esperanton, nek scias pri ĝia movado.

Li respondis al mi, ke li menciis nur faktojn. Li ofte kaj multe vojaĝas, vizitis dekojn da landoj, renkontiĝis kun centoj kaj miloj da ĵurnalistoj kaj verkistoj kaj neniam renkontis eĉ unu esperantiston. Malgaje sed fakto skribis li.

Mi respondis al li, se li mem scius esperanton, li sendube renkontus esperantistojn.

Sed tio montras kiom da laboro staras antaŭ ni por disvastigi esperanton inter la ĵurnalistoj kaj pruvi, ke esperanto kapablas plenumi sian rolon kiel internacia lingvo.

Mi esperas, ke nia longeatendita kaj kara, kvankam dume tre modesta interligilo „Int. Ĵurn.“ fariĝos potenca organo de tutmonda ĵurnalistaro, kies materialojn serĉos la naciaj gazetoj.

Tio sendube estos. Kio koncernas la interŝanĝan servon de TEĴA, do ĝia nefarigebla manko estas la komplikeco de tiu servo, ĝia longdaŭreco. Ja ĉiu artikolo estas interesa nur se ĝi aperas ĝustatempe. Post kelkaj monatoj la plej granda parto de materialo jam perdos sian aktualecon. La mekanismo de tiu servo ne permesas ĝian baldaŭan realigon.

Estus ideale se sur la paĝoj de „Internacia Ĵurnalisto“ senpere povus aperi interesaj materialoj, sed dume tio estas ankoraŭ neatingebla.

Do, ni laboru intensive por atingi tion. Miaj malgrandaj interesoj estas, ke mi ekinteresigis miajn lokajn ĵurnalistojn per esperanto. Ili volonte akceptas materialojn kaj utiligas ilin en la gazetoj-rusa kaj kartvela.

IDA LISIĈNIK
Kutaisi, USSR.

EL LA VIVO DE LA ĴURNALISTOJ

## Internacia tago de ĵurnalista solidareco

En la Tago de la Internacia Ĵurnalista Solidareco (8. IX.) en urbo Arĥangelsk, Sovet Unio, okazis ĵurnalista kunveno. En la raporto oni rememorigis pri la mortigita ĉehoslovaka ĵurnalisto Julius Fuĉik. La TEĴA-ano Al. Erjuhin parolis pri la Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio kaj pri la rolo de la internacia lingvo Esperanto. En la akceptita de la kunveno rezolucio estis notite pri la neceso de kontakto inter sovetaj kaj alilandaj ĵurnalistoj. Adreso: Komitato de Ĵurnalistoj, redakcio gazeto „Pravda Severa", Arhangelsk, USSR. **Al. Erjuhin**

„TRA BRAZILAJ PRAARBAROJ" EN POLA LINGVO

Dank'al la klopodoj de nia TEĴA-ano Mag. phil. Mieĉislav Zgorzewski el Wroclaw, Pollando, komence de 1959 jaro la granda pola eldonejo „Czytelnik" en Warszawa publikigos en 10,000 ekz. la tre interesan verkon de s-ano Tibor Sekelj „Tra Brazilaj praarbaroj". Oni pritraktas kun alia eldonejo la aperigon de aliaj verkoj (porinfanaj) de T. Sekelj.

Parto de „Tra Brazilaj praarbaroj" aperis en bulgara lingvo en la revuo „Geografio", tradukita de nia kolego Murgin Canko.

La verko de T. Sekelj aperis en aparta libro ankaŭ en slovaka lingvo tradukita el germana eldono, dank'al la klopodoj de s-ano Stefan Vesely el Marton, Ĉehoslovakio.

RICEVITAJ ERPERANTAĴOJ

**Unua Oficiala Bulteno** — de la Loka Kongresa Komitato de la 44-a Universala Kongreso de Esperanto en Varsovio — 1959.

**Prospekto pri Varsovio** — eldono de Lo-Ko-Ko-Varsovio, ricevebla senpage en la Pola Vojaĝoficejo „Orbis" en ĉiuj landoj.

**Kantoj por la paco** — poemoj originale verkitaj kaj tradukitaj de nia bulgara TEĴA-ano Canko Murgin. Eldonis: Ehon, Landskrona, Svedio'

**Esperanto** — 32-paĝa *lernolibro de esperanto* por rumanoj de Florian Paraschivescu, Craiova, Rumanio.

**La Esperantista Laboristo** — de Franca Labor-Esperantista Federacio, n-ro 49-50, majo-aŭgusto 1958.

**Voĉo el Indonesia** — stencilita gazeto de Indonesia Esperanto-Asocio.

**Esperanto** de UEA, n-ro 634, septembro kaj 635, oktobro 1958.

**Argentina Esperantisto** — organo de la Ligo Argentina de Esperanto, nro 327—331, 1958.

**The Australian Esperantist** („La Rondo"), n-ro 2 (82) 1958.

**Buletin** de la Federacion Esperantista Española, n-ro 4, julio-aŭgusto 1958.

**El popola Ĉinio** — de Ĉina Esperanto-Ligo, n-ro 4, 1958.

**Nuntempa Bulgario** — monata kultura revuo, n-ro 8, aŭgusto 1958.

**Esperanta Bulteno** — de Esperanta klubo „Zamenhof", Brazilo, n-ro 37, julio 1958.

NOVAJ MEMBROJ DE TEĴA

Georgi Jakovleviĉ Kortkev, ul. Ĵdanova 21, ESNE Moskva, USSR

Sylla Chaves, 34 rue d'Auteuil, Paris 16, Francio

S-ino Tuyet-Than, ĵurnalo „Phu nu", Hôi Liêr hiep Phu nu Viêtnam, **Hanoj**, Vietnamio.

Hanh-Ĉân, Ĵurnalo „Thu-do", **Hanoj**, Vietnamio.

Huynh-van-Thanh, Radio-stacio „Tiêng Noi Viêt nam", **Hanoj**, Vietnamio.

Nguyên-hai-Trung, gazeto „Van hoc", Hôi nh van Viêt-nam, **Hanoj**, Vietnamio.

D-ro Dino Fabris, Borgo Bassano 5, **Cittadell** (Padova), Italio.

Stig Löfberg, Hallandsposten, **Halmstad**, Svedi

Inĝ. Berthold Guttman, Horská Bistrice 29 Behanky-Teplice Lazne, Cehoslovakio.

Ivan Batakliev, str. Peruŝtica 7, **Plovdiv**, Bu gario.

Gevork Gevorkjan, Hoktemberjan 27, hak I' mutk. 2, **Erevan**, Sov. Armenio. USSR.

Sison Martirosjan, Moskovjan 105, **Erevan** Sov. Armenio, USSR.

## ESTRARO DE TEĴA

**Prezidanto** — Olav Thormodsen, Bo 132, **Haugesund**, Norvegio.

**Vicprezidanto** — Niilo Kavenius, Nikl sengatu 10/14, **Turku**, 9, Finnlando.

**Sekretario-kasisto** — D-ro Dino Fabri Borgo Bassano 5, **Cittadella** (Padova Italio.

**Helpsekretario** — Maria Vogel, Kni bisstrasse 31, **Stuttgart**, Germanio.

**Redaktoro** — Ivan Keremidĉiev—Esp rov, bulv. Hristo Botev 98, **Sofia** 2, Bu gario.

**Membroj** — André Ribot, 11, rue Pa Vergnes, **Marmande**, Francio; Takaĉ Ž ljko, Zagreb, Jugoslavio.

Redaktoro: IV. KEREMIDĈIEV — ESPEROV, blv. „Hristo Botev" 98, tel. 3-34-04, Sofia 2, Bulgari

Ŝtata presejo „Narodna prosveta" — Sofia